## Enhavo:



## Enhavo de la persa parto:

**La mondo post Esperanto**, estas titolo de prelego kiun prezentis A. Reza Mamduhi dum Zamenhof-tago 2005 por la publiko.



**Historio de E-movado en Irano**
Ali Reza Doŭlatŝahi ĉi-foje levas demandojn pri Ali Ŝirazpur –literaturisto fama irana- kaj lia Esperanto sciado.



**Pri la softvaro"EK"** Ali Koŭsari detale artikolas al niaj legantoj.



**Esperanto en la dorsosako**
79 tagoj tra la mondo, estas vojaĝraporto de 2 hispanoj kiuj mondon rondiris dum 79 tagoj. Simin Emrani enperigis la libron kaj ekde tiu ĉi numero ni jam publikigis ĝin.



Reza Torabi recenzas la nove aperintan libron de A. Reza Mamduhi "La plej facila lingvo de la mondo" – ampleksa perslingva lernolibro de Esperanto- kies apero estis ege bonvena kaj bezonata en nia lando.



**Lajos Tarkony**
Prezento kaj specimeno de la hungara poeto kiun faris Ali Reza Doŭlatŝahi.



**Varma ŝtono**, novelo de A. Gajdar kiun el la rusa tradukis M. P. Habibpur.



**Antaŭ la vivantoj aŭ mortintoj!?**
Recenzo de Hosein Alizade al la tradukaĵo de la libro Kenza Buruoe – japana verkisto – kiun enpersigis Golam Reza Azarhuŝang el Esperanto.



***Pajam-e Sabzandiŝan*** (*Mesaĝo de Verdpensuloj*)

**ISSN 1728-6174**

IRANA ESPERANTISTO estas kultura kaj sendependa sezon-revuo internacia kiu presiĝas en Irano E-e kaj perse.

IRANA ESPERANTISTO

**Respondeca direktorino :**
*Fariba N. Maĝd*
**Ĉefredaktoro :**
*M. Reza Torabi*




**Kovrilo: *De* Yakhshi Habibpur**

**Persa kovrilo:**
Temas la artikolo momdo post Esperanto

***

**Grafikaĵo:** *Babak Torabi*
**Eldonaj aferoj:** *Reza Haĝihasanlu*
**Eksterlanda abono:** *Hamzeh Ŝafii*

***

**Adresoj:**
✉P.O.Kesto 17765-184,
Tehran, Iran
✆(0098 21) 88348929
🖷(0098 21) 88348928
TTT-ejo : www.sabzandishan.com
Retpoŝto: info@sabzandishan.com

***

Bonvenas eseoj, artikoloj, raportoj kaj kontribuaĵoj kondiĉe ke ili ne estu publikigitaj antaŭe. Bonvenas kultur-temaj kontribuaĵoj ĉu en Esperanto ĉu en la persa.

***

***Ĉia presa aŭ eletronika citado aŭ eldonado de materialoj de IRANA ESPERANTISTO, ĉu originale ĉu tradukite en aliajn lingvojn, estas permesata. Bonvole menciu pri la fonto kaj la originala lingvo (t.e. Esperanto aŭ la persa) kaj se eble, informu nin pri eldonaĵo en kiu aperis io de aŭ pri IRANA ESPERANTISTO aŭ/kaj sendu kopion al ni.***

*Estimataj legantoj!*

Oni diras ĉiuj irananoj estas poetoj! tio povas esti vero. Iu eldonisto antaŭ jaroj diris *"dum la averaĝa eldonkvanto en irano estas 1000-1500 ekzempleroj po libro, ĉiujare aperas pli ol 3 mil poemlibroj, kies ekzempleroj ne elvendiĝas dum longa tempoj, kaj tio signifas ke eĉ poetoj mem ne legas alies librojn"*!

Tia estas nia lando, oni ŝategas poezion kaj poetoj neniel mankas al ni. Fakte nia kulturo plejparte baziĝas sur poezio ol aliaj literaturbranĉoj. Se vi rimarkas ke nian revuon multas poeziaĵo ne miru ĉar ni iele rolas kile spegulo. Se multas poetoj en nia lando tio povas havi ankaŭ alian signifon: altkvalitaj poetoj.

Ĉi-numere ni prezentas al vi unu el la plej nostilaj poetoj de la persa: Ahmad Reza Ahmadi, kiun nia kolego Ahmad Reza Mamduhi priskribas. Do, ni klopodis doni ampleksan konon pri la poeto tradukante interesan intervjuon kun li kaj elektante specimenojn de liaj poemoj.

Krom poezio al ĉi-numero ne mankas iranologio kiun plumis nia samideano Ali Koŭsari pri la antikva urbo Kangavar kie li ankaŭ pasportoservadas. En aliaj rubrikoj pli malpli kiel kutime aperas specimeno de elstara persa kulturo de Sadio kiun nia alia kolego Kejhan Sajjadpur lerte tradukas.
Agrablan legadon!

*Nuntempa persa poeto*

# Ahmad Reza Ahmadi,
## kinema poeto

*Iam Forug Farroĥ-zad (1935-1967), la plej fama poetino de Irano, diris: "La nuraj poetoj, en kies poemoj mi ne sentas mankon de la ritmo, estas Biĵan Ĝalali kaj Ahmad Reza Ahmadi". En la antaŭa numero de IRANA ESPERANTISTO vi konatiĝis kun Biĵan Ĝalali, ĉi-numere vi ekkonas pri Ahmad Reza Ahmadi.*



Ahmad Reza Ahmadi estas unu el la pioniroj de la nova aŭ libera poemo en la persa lingvo; eĉ inter la novpoetoj de sia tempo, li iniciatis poemlingvon tute liecan: tre simpla, alloga, pensiga, profunda, ofte morna – kaj multam nefacile komprenebla - poemo kiu havas nek rimon, nek ritmon. Laŭ li la esencon de la poemo konsistigas nur la doloro kaj sufero de la poeto, ne la rimo aŭ ritmo. Ĝis kiam la poeton povas konsterni io, la poeto povas verki originale, sed ekde kiam la poemado fariĝas rutinaĵo, kutimaĵo kaj kvazaŭ ĉiutaga tasko de la poeto, li jam falas en falsan poemon.

Multaj esprimis pri la malfacileco de la poemoj de Ahmadi, tamen eĉ tiujn, kiuj iam neemas lian poemon, ĉefe pro ĝia nekomprenebleco, allogas lia personeco, pacienco, persisto kaj lerto en la belartoj.

Abbas Kiarostami (1940-), delonga amiko de li, kaj nun la plej fama reĝisoro irana en la mondo, konfesas ke parkerante multajn poemojn de Ahmadi ekde la junaĝo, li eĉ ankoraŭ ne havas la kapablon bone kompreni plurajn poemojn de li. Tamen la malfacileco de liaj poemoj – kiuj siavice konsistas el tre simplaj vortoj kaj frazstrukturoj – funkcias duel: unuflanke forpuŝas multajn legantojn, precipe tiujn, kiuj ne konatas kun lia lingvaĵo tre simbola kaj abstrakta; aliflanke kaŭzas altan allogon por liaj poemoj ĉe tiuj, kiujn ĝuigas la iluzieco, divenado kaj necerteco. Fakte eble oni povas esprimi similon alivorte: la iluzio, kuŝanta en lia poemo, samtempe kaj malfaciligas la serenan komprenadon de lia poemo, kaj allogigas la atmosferon de la poemo por serĉemaj mensoj transcendaj. Ekz-e Kiarostami mem eldiris ke: "la iluzio, kio ekzistas en la poemo de Ahmadi, estas kiel sonĝo, kiun oni ne povas eĉ rakonti al iu". Laŭ li tia iluzio estas ideala en ĉiuj artoj, kiel en la kino. Kiel ekz-on pri sonĝeca imago en poemoj de Ahmadi, li citas poemeron, kiu tradukiĝas jene:

***Funde de aleo plenplena da niktagoj***
***Oni malsuprenigas iun el pendumilo***

Ahmadi, eble nekonscie, emegas al tia iluzieco, ĉar li klare kaj nerekte montris sian inklinon al la iluzio, i.a. la titolo de lia poezia prozaĵo pri Biĵan Ĝalali (1927-2000), alia grava novpoeto de Irano (vd. IE, n-ro 12, jaro 4, somero 2005, 3-7.) implicas kaj projekcias tion: "Tiu senfina iluzio"!

### Forug kaj Ahmad Reza

Unuafoje Forug Farroĥ-zad (1935-1967), la plej fama poetino de Irano, malkovris kaj prezentis la poemon de Ahmadi. Li mem

tiurilate en 2002 skribis:
***"… Kvardek jaroj pasis ekde kiam mia unua poemlibro 'La desegnaĵo' (Tarh, 1962) presiĝis. La libro, kiu estis nepacebla kun sia tempo, do estigis insultojn kontraŭ mi. Sed mi havis tiun bonŝancon kaj triumfon, ke la unua leganto kaj subtenanto de la libro estis Forug Farroĥ-zad. Estis ŝi, kiu aŭdace metis mian poemon ĉe tiujn de la poetoj de la generacio antaŭ mi: Nima Juŝiĝ (pseŭdonimo de Ali Esfandijari 1895-1959), Ahmad Ŝamlu (1925-2000), kaj la aliaj …"*** (*Ketabe montaĥabat*, p. 11-12)

## Fenomena poeto

Laŭ Mohammad Ali Sepanlu (1940-), nuntempa poeto kaj verkisto, en la irana literaturo Ahmadi estas fenomeno. La alta persistemo de Ahmadi siavoje, malgraŭ multes riproĉoj kaj malbondiroj, sukcesis pruvi lian pravecon. Lia poemo eĉ inter la poemoj de la novaj poemoj, estas ankoraŭ aliel noveca! Iam Mehdi Aĥavan Sales (1928-1990), mem granda poeto de la persa nova poemo, aludante al la poemstilo de Nima Juŝiĝ, epitetita kiel la patro de la persa novpoemo, diris kiam la Nima-eca novpoemo estis elformiĝanta, poetoj kiel Ahmadi venis kaj ĝenis la proceson (per siaj eĉ pli novaj poemoj). Pri tio Ahmadi kredas, ke Nima-eca poemo, aŭ eĉ poemo de Ahmadi mem ne restos por ĉiam, ĉiu nova generacio eblas havi novajn spertojn kaj tio vole-ne-vole kondukas al pli novaj poemstiloj. Ahmadi havas pli ol dek poezilibrojn, multaj el kiuj eldoniĝis ree kaj ree. Krom tio, li same multe verkis (eble 14 librojn) ankaŭ por la infanoj – tereno tre malofte renkontita/ata per la elstaraj verkistoj de la persa.

## Multaspekta homo

Funda konado de Ahmadi pri la diversaj fakoj de la belartoj – inkluzive kaj eble pleje la sepan, t.e. la kinarto – ebligis al li pli vastan perspektivon kaj pli riĉan poemspektron. Krome, tio ebligis al li kontribui al aliaj artoj, i.a. redaktadon de diversaj verkoj precipe pri la muziko - alia et-laborita tereno en la persa lingvo. Do plejeble lian ĉefan karakterizaĵon konsistigas tio, ke li havas vorton por diri, kaj neniel gravas por li ĉu esprimi tion en defiata poemspeco, ĉu prezenti tion en prozo, ĉu eldiri tion por la infanoj, ĉu reeĥi tion kontribuante al la aliaj artoj.

Laŭ Maĝid Entezami, unu el la plej famaj komponistoj iranaj – precipe en filmmuziko - kiam oni ne tiel gravigis pri la tradicia kaj originala muziko de Irano, probable ekde la 1970-aj jaroj, Ahmadi multe strebis por ĝia disvolvado, tiel ke multaj el la sukcesaj muzikistoj de la nuntempa Irano sentas sin ŝuldantaj al li.

Ahmadi junaĝe aktivis ankaŭ en kinarto kun rondo, kiu pli poste fariĝis el la plej renomaj en siaj fakoj.

## Dueca homo: ŝercema homo/serioza poeto

Dualismo, kies elpensinto probable estis Zoroastro (iam inter la 6-a kaj 18-a jc. a.K.), videblas en Ahmadi pleje ĉe spektro, kies ekstremoj estas tristo kaj ĝojo. Li naskiĝis en Kerman-urbo en 1940. Liaj praavoj estis zoroastranoj elmigrintaj de Jazd-urbo al Kermano.

Liaj poemoj, kiel ankaŭ li mem eldiris, estas inter la plej malĝojaj aferoj en la mondo. Ekz-e en poemo titolita *Anduhe panĝere* (La ĉagreno de l' fenestr') unue aperinta en lia verko *Ruznameje ŝiŝei* (La vitra tagĵurnalo, 1964):

***Hodiaŭ matene la infanoj kaj maljunuloj ekkomprenis***
***Ke la kurteno per ĝiaj plej ciganaj koloroj***
***Ne povos***
***Kaŝi la praan ĉagrenon de l' fenestr'.*** (*Ketabe montaĥabat*, p.28)

Tamen lia rilataro kun la amikoj kaj la ĉirkaŭuloj en la ĉiutaga vivo plenplenas de ĝojo kaj gajo. Sekve lia morozo, kio tute klaras ankaŭ en lia alloga basa kaj tremetanta voĉo, kiam li deklamas tiel bele siajn – aŭ alies – poemojn, neniel senteblas en lia ordinara ĉiutaga rilataro kun la aliaj. Li tiel abunde kaj gajige ŝercas.

Do oni povas diri, ke alia karakterizaĵo lia, kio probable ne tiel reliefiĝas en liaj versoj, estas lia ŝercemo en la ĉiutaga vivo – kio siavice eble iel balancigas lian spiriton kontraŭ la viv-amarecoj kaj la morto. Laŭ diraĵo de li mem, lia ŝercema duono "**…estas ia defenda armilo. Pli bonas, ke la**

**maldolĉecoj trovataj en miaj poemoj ne transformiĝu en lamentojn** (en la ĉiutaga vivo)". Pri liaj ŝercaĵoj, ekz-e Omran Salahi (1946-), mem tre fama satiristo kaj poeto de Irano, citas ke foje li diris: **"Kiam ni estis junaj, oni gravigis pri la maljunuloj (artistaj); nun kiam ni maljuniĝis, oni gravigas pri la junuloj".**

Ie en nova filmo pri Ahmadi kaj lia verkaro, kio prezentiĝas sube, li diras, ke:

**"La tuta parolaro, kion ni diras dum la tagnokto, estas senutila; la nura utila parolo konsistas el kelkaj vortoj: "Ĉu la manĝaĵo pretas?" Oni respondas aŭ 'Jes', aŭ 'Ne'"!**

Lia speciala ŝercemo ĉiam ridigas onin, kvankam iam eĉ ilia kerno estas trista:

**La morto mem ne estas tiel ĝena, ĉar tiam vi nenion komprenas; nur ĝia komenco ĝenas, ĝuste kiel malbona titolaro de bona filmo!**

## Kinema poeto

Ahmadi amas la kinon, tiel ke liaopinie "**Oni povas dividi la mondon en du historiajn eraojn: antaŭ la kino, kaj post la kino**". Kvazaŭ laŭ li, la sepa arto potenciale inkluzivas la ses klasikajn belartojn, kaj tial tute facile povas superi ilin. La muziko kaj la poemo respektive havas postajn rangojn ĉe li laŭ la esprimivo-nivelo. Liaj poemoj inspiritas de la kino kaj kreiĝas per/kun la muziko. Laŭ li, samkiel oni ne pravas mortigi la sencon por la rimo kaj eĉ ritmo, nek en la kino decas ke oni deviĝu fari filmon akademiece kaj tutlaŭregule, foriĝante de la homaj originaleco kaj spontaneco. Tio, teknikema aliro ĉe filmfarado, kondukas al stagnado, se ne al regresado.

Junaĝe li eĉ rolis en filmoj kiel "Postĉi" (La poŝtisto, 1972, far Darjuŝ Mehrĝuji, 1939-), sed pli poste li ne daŭrigis kin-aktivadon, ĉar laŭ li tio estas kolektiva aŭ grupa laboro kaj bandoj funkcias tie, kaj li ne povis labori bandume; sekve li preferis poemadon kaj verkadon, kio ne estas grupa laboro, kaj li mem sola povis plenumi tion. Laŭ multaj – kiel Ezzat-ol-lah Entezami (1924 -), unu el la veteranaj aktoroj de Irano - li tre bone ludis antaŭ la kamerao, sed kiel dirite supre, la atmosfero de la kina laborejo irana ne plaĉis al lia delikata kaj purema karaktero, kaj tiel lia talento restis senfunkcia tiuterene – sed samtempe tio probable allasis al li pli da



tempo kaj energio por poemado.

### Amikema poeto

Alia tre sentebla karakterizaĵo lia, estas amikemo pura, kio neniel limiĝas al la familianoj kaj parencanoj, sed inkluzivas homojn – noblajn artistojn – en kiu ajn artfako, kiel: pentrado (Ajdin Agdaŝlu), grafiko (Morteza Momajjez), kino (Sohrab Ŝahid Sales kaj Masud Kimijaji), karikaturo (Bahman Mohasses), poezio (Forug Farroĥzad, Sohrab Seperhi, …) kaj multaj aliaj. Fakte li verkis libron (ĉ. 200 paĝojn), en kiu li parolas – tre bele kaj poezie – nur pri tiaj amik(iĝ)oj, kaj liaj memoraĵoj ilia-rilate. Ekz-e en la ĉapitro pri Biĵan Ĝalai, titolita 'Tiu senfina iluzio', li skribis:

**"La poemoj de Biĵan Ĝalali, la poeto, ĉiam por mi estas mallonga ripoztempo, kiam la poeto venis al la domo por alivestiĝi. Dum tiu ĉi mallonga okazo, ne ekzistas tempo, por ke la parolo perdiĝu en la hipokritecon de la 'ritmo' kaj 'rimo', la parolo estas nuda."** (Hekajate aŝnaije man ba …, p.87)

Tio certe validas ankaŭ pri Ahmadi mem kaj liaj poemoj, kio neniel toleras metrikajn ecojn kiel ritmon kaj rimon.

### Mortema poeto

Probable alia ĉefa karakterizaĵo de Ahmadi, temas pri unu el liaj plej frekvencaj mensokupaĵoj: la morto. En diverstempaj poemoj liaj – kio jam daŭris pli ol 40 jaroj – oni ĉiam renkontas morton aŭ sentas mortombron. Lia verkaro – kiel li mem agnoskis –

bone montras, ke ju pli multe li maljuniĝis, des pli multe la morto okupis la lokon de aliaj temoj – kiel la amo kaj naturaĵoj kiel la arbo, la birdo kaj la ĉielo - en liaj poemoj.

En liaj lastaj poemlibroj, eble en plej multaj poemoj oni vidas aludojn al la morto, dum en liaj fruaj verkoj ekz-e en poemo titolita Man hamiŝe … (Mi ĉiam …), kio aperis en lia tria poemlibro Vagte ĥube Masaeb (Bona tempo por tragedioj, 1968, p. 52) ni legas:

***Mi ĉiam vivis per tri vortoj***
***Ni iris vojojn***
***Ni faris ludojn:***
***La arbo***
***La birdo***
***La ĉielo***

***Mi ĉiam revis pri aliaj vortoj***
***Mi diris al la patrino:***
***Aĉetu vortojn de l' bazaro***
***Ĉu al via korb' mankas spaco?***
***Ŝi diris:***
***Vivu nur kun tiuj tri vortoj***

Ahmadi tre montrive simbolas la hom(ar)on, kiu konsciante pri la neeskapebla morto, kio ĉiumomente minacantas onies vivon, trovas sin devigata alpreni ian sintenon antaŭ la morto – sinteno, kio neniel estas fiksa kaj dum diversaj tempoj, tre facile varieblas nekredeble: probable de profunda teruriĝo ĝis transcenda sopirado. Li intense – kaj eblege neintence - induktemas tion en la poemoj kaj prozoj, ekz-e:

***Pasintjare ni vidis velkiĝon de anemono kaj narciso***
***Do kiel ni ne ekkredu la morton?*** (p. 239)

Tio, konsciado pri la morto, kaj ties esprimo en la artverkoj, ja havas longajn radikojn en la pensmaniero kaj mondorigardo de iranaj verkistoj ekde Kajjamo (1045?-1122?) kaj liaj (pra)antaŭuloj. Certe tia mortpensado estas tre logika rezulto de ĉiu pensema homo kie ajn en la mondo kaj kiam ajn en la historio. Nek aliaj grandaj civilizacioj malhavis tian sciemon kaj interesiĝon rilate al la morto kaj la postmorta mondo: ekz-e la antikvaj egiptaj historiaĵoj pli tem(ig)as pri la morto kaj la postmorta mondo ol la vivo surtera ĉi-monde.

La valoro de Ahmadi en (re)citado de la pri-mortaj aferoj ja kuŝas en lia lingvaĵo kaj menso, kio tre klare montras la spiriton de la



erao de la poeto.

**Filmo pri Ahmadi**

Naser Saffarijan (1975-), juna irana filmkritikisto, filmisto kaj ĵurnalisto, kiu dediĉis sin al la prezentado de la iranaj renomuloj, lastatempe faris sian plej novan filmon pri Ahmad R. Ahmadi. Antaŭ tio Saffarian estigis trilogion pri Forug Farroĥzad (1935-1967): Ĝame ĝan (La pokalo de l' anim'), Oŭĝe moŭĝ (la kulmino de l' ond') kaj Sarde sabz (La verda malvarm'). La filmo de Saffarijan pri Ahmadi, laŭ la titolo de verko de la poeto, eldonita en 1968, nomiĝas Vagte ĥube masaeb (Bona tempo por tragedioj).

La filmo, kvankam produktita dokumentece, tamen ĝuas okulfrapajn kinartajn ecojn diversvidpunkte: la artoplena komponado malkonstrueca de la scenoj (far Bahman Kiarostami, filo de tre fama reĝisoro Abbas Kiarostami), la muziko, kaj la malantaŭ-scenejaj partoj, kio fakte konsistigas multon de la scenoj! Ĝi sukcese montras vivon kaj verkojn de la poeto kaj laŭ li mem kaj laŭ liaj artistaj amikoj renomaj, plus la karakteron de li en la ĉiutaga vivo, t.e. lia ŝercemo.

Rilate al Saffarian dirindas, ke la produktado de la trilogio – pro diversaj problemoj – daŭris 11 jarojn, anstataŭ la planitaj 2 jaroj, kaj tiu pri Ahmadi 3 jarojn, i.e. de 2002 ĝis 2005. Liaj postaj filmoj estos pri Mohammad Mosaddeg (1880-1967), unu el la plej popularaj politikistoj de Irano, kiu i.a. naciigis la petrolon de Irano; kaj Sadeg Hedajat (1903-1951), kiu laŭ iuj estas la plej bona prozisto en la parsa de post Sadio (1213?-1292?).

**Fama Aktoro pri Ahmadi**

Reza Kijanijan, unu el la plej elstaraj aktoroj de la nuntempa kino de Irano, estas inter tiuj, kiuj intervjuis kun Ahmadi en la filmo. Ie en la filmo li aludas al tio, ke la generacio de Ahmadi estis idealista kaj tio, ke Kijanijan mem estas inter la lastaj personoj apartenantaj al la Ahmadi-a generacio. Poste Kijanijan intervjuata per Gita Ĝavdani ĉirilate diris: "Tiamaj intelektuloj estis idealistoj, kiuj sciis kion ili ne volas, sed ili ne sciis kion ili volas. Ni estis idoj de tiu tempo. Ni estis revoluci(em)aj, sed ni ne sciis kion signifas la revolucio? Tamen, feliĉe la nova generacio plu ne estas tia; ili havas ĝustan difinon por la idealismo kaj tial ili ne volas ŝanĝi ĉion fundamente; ili nek volas detruadon. Ili strebas por plibonigado de la vivo; ili klopodas por solvi la problemojn kaj anstataŭigi ilin per aliaj aferoj, por ke (la cirkonstancoj) pliboniĝu; kaj ili laboras por plibonigado de la kondiĉoj, ne por neniigado".

**Dronanta poeto**

Ahmadi ĉiam kredas sin ankoraŭ-dronanta homo en la furioza oceano de la mondo. Li neniel atingis al certeco apogebla. Eble tion li mem plejklare bildigis en la suba diraĵo:

**"Kiam oni aljuĝis Nobelpremion al brita verkisto (George) Bernard Shaw (elp. Ĝorĝ Bernard Ŝaŭ, 1856-1950), li diris: 'La Nobelpremio ne estas vivsavanto por verkisto aŭ poeto. Ĉar la premio doniĝas al li tiam, kiam li jam atingis al la marbordo'. Sed mi nek gajnis la Nobelpremion, nek atingis al la bordo. Mi ankoraŭ estas dronanta en la maltrankvila marego de la mondo, kiu estas nedonema, senkompata kaj senvirta."**

## Poema membiografio

Por rekta konatiĝo kun la vivo kaj la poemlingvo de Ahmad Reza, jen ni legas liapoeme lian biografieskon. Kiel sciate, Sohrab Sepehri (1928-1980) verkis la faman **La piedirsono de akvo** (Sedaje paje ab, 1965) kvazaŭ la membiografion en tre bela kaj longa (28 paĝojn) poemo (vd. IE, n-ro 4, jaro 2, somero 2003, p. 8-11); Ahmadi faris similon en multe malpli longa poemo (6 paĝojn), nomata **La trivita ĉambro** (Otage farsude), kies partoj tradukiĝas jene:

***La ĉambro estas trivita***
***La spegulo malhelita***
***Kie estas mia vizaĝo?***
***Mi kun tiu ĉi vizaĝo***
***Ekzameniĝis***
***Sukcesiĝis***
***Aŭdis muzikilon***
***Insultis***
***Aŭdis insulton***
***Malsatiĝis***
***Pluvon celiĝis***
***Satiĝis***
***Ekkonis koloron***
***Senkoloriĝis***
***Blankiĝis***
***Dormis***
***Vekiĝis***
***Vokis mian patrinon***
***Vokis vin***
***Respondis***
***Endormiĝis***
***Surmetis nazumon***
***Vojaĝis***
***Tristis***
***Restis.***
***Mi venis***
***Rigardis en la spegulon***
***Vojaĝis***
***Akvumis la florpoton***
***Manĝigis la fiŝon***
***Mi sciis: mia vizaĝo***
***Estas via vizaĝo.***

***Tri minutojn antaŭ la kvara horo***
***La spegulo malheliĝis***
***Mi ne timas***
***La pordo malfermiĝis malrapide***
***Virino sidiĝis ĉe la sojlo***
***La spegulo malhelis***
***Ŝi rigardis mian vizaĝon***
***Ŝi volis vidi sin***
***En la spegulo***
***Ŝi ekkredis min***
***Ŝi vokis min***
***Mi volis ke iu vidu min de for***
***Por ke al aliaj diru***
***Ke ĝis la malheliĝo de l' spegulo***
***Mi ridis.***

***…***
***Mi ne timas de vi***
***Ke al mi diri ci***
***Nur diru al aliaj, ke mia vizaĝo***
***Surhavis ridon***
***Mia lipo estis blankec'***

***Mi ne havas ĝardenon***
***Mi ne havas domon***
***Mi ne havas sonĝon***
***Mi havas dormon***
***Mi havas amon***
***Mi havas panon***
***Mi havas petunion***
***Mi havas memoron***
***Mi havas lacon***
***Mi havas malvarmon***
***Mi havas varmon***
***Mi havas patrinon***
***Mi havas koron***
***Mi amas***
***…***
***Mi havas vortaron***
***Dek-du-voluman***
***Kies verkinto estas mortinta***
***Mi havas oranĝon***
***Por vi.***
***Mi havas nazumon***
***Kiu ne havas vitrojn***
***Nek blankajn, nek nigrajn***
***Ĝi estas por kvar sezonoj***
***…***
***Mi havas horloĝon***
***Kiu ne funkcias***
***Ĝi montras***
***Tri minutojn antaŭ la kvara***
**…** (Jadegari, p. 27-31)

## Verkoj de Ahmadi

Krom multaj libroj por infanoj, Ahmadi verkis la subajn librojn poeme aŭ/kaj proze dum la lastaj 40 jaroj:

- La desegnaĵo (Tarh), 1962
- La vitra tagĵurnalo (Ruznameje ŝiŝei), 1964
- Bona tempo por tragedioj (Vegte ĥube masaeb), 1968
- Mi ploris nur la blankecon de l' ĉeval' (Man fagat sefidije asb ra geristam), 1971
- Ni estas sur la tero (Ma ruje zamin hastim), 1973
- Ĉiutagaj prozaĵoj (Nasr-haje joŭmije), 1980
- Restas mil ŝtupoj ĝis la maro (Hezar pelle be darja mande ast), 1985
- La rimo perdiĝas en la vento (Gafije dar bad gom miŝavad), 1990
- Makulo de l' vivdaŭro estis surmure (Lakkei az omr bar divar bud), 1993
- Ruinaĵojn de la koro mi allasas al la vento (Virane-haje del ra be bad miseparam), 1994
- De via rigardo sub la lazura ĉielo (Az negahe to dar zire asmane laĝevardi), 1997
- Estis amanto, kiu matene malfrue atingis la gastejon (Aŝegi bud ke sobhgah dir be mosafer-ĥane resid), 1999
- Mil akacioj estis nenio en viaj okuloj (Hezar agagija dar ĉaŝmane to hiĉ bud), 2000
- Malfru-trovebla poemaro troviĝis en la neĝo kaj pluvo (Jek manzumeje dirjab dar barfo baran jaft ŝod), 2001

**Fontoj:**


- *Be ki telefon konam?* (Al kiu mi telefonu?), intervjuo aperinta en *Haft* (Sep), monata revuo pri la kulturo kaj arto, mordado 1384 (jul.-aŭg. 2005), n-ro 22, vol. 3, 84 p., p. 6-13.
- **AHMADI**, Ahmad Reza. *Vagte ĥube masaeb* (Bona tempo por tragedioj), Tehrano: Ketabe zaman, 1968, 184 p.
- **AHMADI**, Ahmad Reza. *Hekajate aŝnaije man ba …* (Rakonto de mia konatiĝo kun …), Tehrano: Vida, 1998, 202 p.
- **AHMADI**, Ahmad Reza. *Jadegari* (Memoraĵo), 22 poemoj kaj voĉo de Ahmad Reza Ahmadi, Tehrano: Darinuŝ, 1998, 47 p. plus sonbendo/ KD.
- **AHMADI**, Ahmad Reza. *Ketabe montaĥabat* (La libro de elektitaĵoj), Tehrano: Naŝre afkar, 2002, 272 p.
- *Vagte ĥube masaeb* (Bona tempo por tragedioj), filmo pri Ahmad Reza Ahmadi, reĝisoro: Naser Saffarijan, Tehrano: Naser Saffarijan kaj "Markaze gostareŝe sinemaje mostanad va taĝrobi", aŭtuno 2005, 57 minutoj.
- www.saffarian.ws (Fotoj)
- www.iranoa.com/news.pnp?id=2044 (Intervjuo de Gita Ĝavdani)
- www.qoqnoos.com/body/new-poem/ahmadi-ahmad-reza/bio.htm (Listo de Ahmadi-aj verkoj)
- www.bbc.co.uk/persian/arts/030704_la-cy-ahmadi.shtml (Citaĵoj de Omran Salahi kaj Mohammad Ali Sepanlu pri Ahmadi)


★

# Ruinaĵojn de la koro mi allasas al la vento

En 1994 eldoniĝis poemlibro de Ahmad Reza Ahmadi titolita “Ruinaĵojn de la koro mi allasas al la vento”. La poemoj de tiu verko estas aranĝitaj en tri ĉapitrojn: Gaside (Odo), Gazal (Gazalo) kaj Robai (Robaio aŭ Robajo). Tamen, eble kiel tute atendite de Ahmad Reza kaj lia malkonstruemo, nek la odoj havas la strukturan metrikon de la odo, nek la gazaloj gazalas, nek la robaioj estas kvaropoj! Por doni imagon al la internacia leganto pri la verko kaj ties triopa ĉapitraro, jene prezentiĝas traduko de ĉiuj ĉapitr-komencoj kune kun unu specimena poemo el la koncerna ĉapitro:

## Odo

*Miaokule*
*Mi ornamas*
*Du korojn*
*Sur ĉiu el kiuj*
*Estas unu inkoguto*

*Estis mi …*
*Estis mi kaj Sudabe* (1)
*Kiu ĉiam ripetis la frazon:*
*Ne restas multe ĝis la nokto*
*Ni restu hejme, la ĉielo iĝas nuba.*

*Estis mi kaj la ĉielo*
*Kiu ĉiam ripetis la frazon:*
*Ĝis la fino de ĉi semajno*
*Mi restas en la domo*
*Eble akvo malvarmiĝas, mi ankoraŭ soifantas.*

*Estis mi kaj la boato*
*Kiu ĉiam ripetis la frazon:*
*Se Sudabe amus la maron*
*Ni forvendus la boaton.*

*Estis mi kaj la mondo*
*Kiu ĉiam ripetis la frazon:*
*Ne demandu min, nenion mi scias*
*Mi amas*
*Nur la vinberojn en ĉiuj sezonoj.*

*Estis mi kaj la morto*
*La morto neas*
*Sudabeon – la ĉielon – la boaton*
*La mondon – la vinberojn*
*Ĉerizoj sidas sur la arboj*
*La birdo ne ekflugas*
*Pro soleco*
*Ĝi timas*
*De la morto mi petis nur du horojn*
*Kiel prokraston*
*Por ke mi iru la domon*
*Sudabe estis veninta el la vojaĝo.*

(1) Sudabe estas persa ina nomo.

## Gazalo

*Alumeton mi ekbruligis*
*Vi*
*Ploris*
*Por tia limigita lumo.*

***Por la memoro de mia patrino: Aĥtar Ahmadi***

*Kiam tagas …*
*Kiam tagas*
*Kien vi iras?*
*Restu hejme*
*Mi tristas*
*Ĉerizoj sidas sur la arboj*
*La birdo ne ekflugas*
*Pro soleco*
*Ĝi timas*
*Mi*
*Ade dum la tago*
*Montras al vi*
*Mian kor-vundon.*
*Restu hejme*
*La kantoj*
*Foras de la dom’*
*Unu stelo*
*Ankoraŭ restis*
*Sur la ĉielo*
*Jam noktiĝas*
*Dum la nokto*
*La ruĝaj floroj*
*Ne vidiĝas en la ĝardenet’*
*Via memoraĵo estas en la ĝardeneto*
*Vi volis morti*
*Apud tiu ĉi rozujo*
*Vi mortis*

*Ni kriis al vi*
*Ni vokis vin*
*Vi estis mortinta*

*Ho mia kunulo*
*Daŭremu momenton*
*En la paradiz’*
*Finiĝos la nokto*
*Ni estis perdinta?*
*La ŝlosilon de la dom’*
*Ni restis en la aleo*
*Ĉe la domo*
*Kreskintis herboj*
*Sed vane*
*Ili ne havis ombron.*
*Mi naskiĝis*
*Por ke mi surmetu novan veston*

*La vendredoj estu feriaj*
*Mi trinku fridan akvon*
*Dum la somero*
*Mi ekkredu la amon.*
*Sed la vortoj*
*Plu ne lacigas min*
*Miaj fingroj*
*Frostiĝas*
*Inter la arbofolioj*
*Mi cedas al la tago*
*La vestoj estas trivitaj*
*Sur mia korpo*
*Mi*
*Trinkas malvarman akvon*
*Dum la somero.*
*Mi ankoraŭ soifantas.*

## Robaio

*Mi skribis: pluvo*
*Ekpluvis.*

**Laceco kaj la morto**

*Laceco kaj la morto estis nura espero kiu forpreniĝis de mi*
*La tutan semajnon mi rigardis al la pordo por vidi ĉu iu aŭ iuj envenas*
*La tuton de l' ĉi vintro pasigi en soleco Neniu helpas vin dum tiu ĉi vintro*
*Ambaŭflanke de l' vojo staris arboj*
*La fruktoj kiuj maturiĝis dum la somer' ellasiĝis sur la vojon*
*La tagoj estis antikvaj kaj dum la noktoj iam blovis friska zefir' al niaj vizaĝoj, tio estis la nura priskribo pri ĉiuj noktoj de tiu jaro*
*Estis multaj korboj plenplenaj da fruktoj*
*Ni per vidado al la fruktoj kaj la korboj proksimiĝis al nia sorto*

**Elektis kaj tradukis: Ahmad Reza Mamduhi**

**Fonto:**
AHMADI, Ahmad Reza. Virane-haje del ra be bad miseparam (Ruinaĵojn de la koro mi allasas al la vento), Tehrano: Zolal, 1994, 272



# *Gustumeti la stilon de A.R. Ahmadi*

Kelkaj poemoj kaj prozaĵoj de A.R. Ahmadi el diversaj liaj verkoj

**Elektis kaj tradukis: Asad Mahbub**

*Tuton de tiu ĉi jaro ...*
*Tuton de tiu ĉi jaro mi restis ene de l' domo*
*Iam por aĉeti tagĵurnalon*
*Kiu enhavis novaĵojn de hieraŭ'*
*El la domo*
*Mi iris en l' aleon*
*Malfeliĉuloj de mia gento*
*Sekvante varman manĝaĵeton*
*Restis en ale' ĝis sunsubiro*
*Kaj nin trafis noktaj tusadoj*
*Fojojn kaj fojojn*
*Mi pentiĝis*
*Ke kial de l' matena dorm'*
*Mi vekiĝis*
*Kaj viaj okuloj, kiuj ankaŭ dumdorme*
*Vidiĝis*
*La solejo de mi kaj ni estis vasta*
*Mi ĉiam estis en la domo*
*Tentiĝoj de l' nubo*
*Pluvo*
*Floro kaj ĉagren'*
*Sufiĉis por ni*
*Ke l' tuton de l' jaro ni restu hejme*

**Fonto:**
AHMADI, Ahmad Reza. Ketabe montaĥabat (La libro de elektitaĵoj), Tehrano: Naŝre afkar, 2002, 272 p., p. 254-255.

La poemo unue estis aperinta en poemlibro de Ahmadi titolita: De via rigardo sub la lazura ĉielo (Az negahe to dar zire asmane laĝevardi), 1997.

**Bibliotekoj …**

Oni konstruis bibliotekojn, por ke oni ellasu la kuraĝon kaj la malavaron de la poemo kaj poetoj. La antikvaj librejoj restis apud arboj, akvoj kaj primoloj. La bibliotekoj plenplenis da homoj, kiuj pro ripetiĝo de la matenmanĝo forfuĝis el la domoj. En iliaj domoj estis varma teo, sed tiuj homoj ŝatis la malvarman teon de la bibliotekoj je la 10-a horo matene.

**Fonto:**

AHMADI, Ahmad Reza. *Jek manzumeje dirjab dar barfo baran jaft ŝod* (Malfru-trovebla poemaro troviĝis en neĝo kaj pluvo), Tehrano: Mahriz, 2001, 124 p., p. 19.

**Ni …**

*Ni staris sur l' balkono*
*La pluvo bruegis*
*Ni rigardis al la fino de l' strat'*
*Nura parolo, kiun ni diris unu al la alia*
*Estis veo kaj silento*
*Ekde la antaŭa vendred'*
*Ni volis alporti*
*La gerani-potojn*
*De la balkono en la ĉambron*
*Ni gapis*
*Al la fino de l' strat'*
*Ni vidis dekdu nigrajn ombrelojn*
*Kaj unu ruĝan ombrelon*
*La ombreloj venis al ni en la pluv'*
*Ni staris sur l' bakono*
*Mi aŭdis kanton el la radio*
*Mia edzino diris*
*Ni iru en la ĉambron*
*Ni, ke ne povas*
*Rigardadi*
*La pluvadon ĝis la fino de la viv'*
*Aŭ esti sub la pluvo*
*Jam pasis jaroj*
*Ekde kiam mi kredas*
*La parolojn de l' edzino*
*Ni venis en la ĉambron*
*Ĉiam*
*Post la pluvad' edzino mia*
*Sidiĝis sur l' lignan seĝon*
*Kaj trikadis trikaĵon*
*Mi*
*Ĉiam post la pluvado*
*Venis en la ĉambron*
*Kolorigis*
*Miajn infanaĝajn*
*Nigroblankajn fotojn*
*Per geranioj rozkoloraj kaj ruĝaj*

**Fonto:**

AHMADI, Ahmad Reza. Jek manzumeje dirjab dar barfo baran jaft ŝod (Malfru-trovebla poemaro troviĝis en neĝo kaj pluvo), Tehrano: Mahriz, 2001, 124 p., p. 7-8.

**…**

Sidi sur la benkoj de strato, per okuloj kaj manoj fermi la moviĝadon de l' planedoj en rimon. Per la estado de l' malnovaj libroj sur la niĉo, la tuso signifis tuson – la fremdeco de la jaroj, kiujn ili havis kune sed en du diversaj aĝoj. Estis sama merkredo kaj por 14-jaruloj kaj por 60-jaruloj – sed ne en ĉiuj merkredoj via mano estis varma kaj via buŝo odoris je pano.

**Fonto:**

AHMADI, Ahmad Reza. Nasr-haje joŭmijje (Ĉiutagaj prozaĵoj), Kermano: Fanus, 2003 (2-a eld.), 54 p., p. 14.

# Ahmad Reza Ahmadi sialange

*Fragmento el la enkonduko de A.R. Ahmadi al lia elektita poemaro*

Tradukis: Ŝima Bastani



Nun, kiam mi aĝas pli ol 60, kaj mia hararo estas tute blanka, malgraŭ ĉiuj monstraj tagoj de mia vivdaŭro, mi povas rigardi al mi mem en la spegulo kaj diri: "Ho amiko, dum ĉiuj ĉi jaroj vi kredis kaj paciencis. Ho amiko, mi neniam vidis tian kredadon en la aliaj". Estis tiu ĉi kredo, kiu atingigis min al la hejmo, soleco kaj spegulo, por ke mi ne prunteprenu de aliulo penson kaj belecon. Mia parolo, kio ajn, ĉu oro, ĉu kupro, estis de mi mem. En ĉiu libro mi pasigis malglatan vojon. Kiel mian unuan libron, ĉiun libron mi komencis kun timo. La vojo, kiun regis mallumo. Mi ne sciis pri la posta paŝo. Mi moviĝis laŭ mia kompaso, kaj ne laŭ la eluzita kompaso de kritikistoj, kiu montras nur la glatajn vojojn. Mi ne imitis iun; mi supozas, ke mi imitis nek min mem. La kritikantoj kaj malamikoj de mia poemo vane esperis, ke mi ekpaŝu sur vojon, kiun antaŭ mi la aliaj estus trapasintaj. Sed mia kredo tiel lernigis al mi, ke mi iru laŭ vojo, kiu plenplenas de ŝtonoj, dornoj, nesekureco kaj mallumo. Eĉ se sur tiu ĉi vojo mi devas mortiĝi en neĝo, ventego, malvarmo kaj varmo, min protektas vesto de rezistemo kaj kredo. La kritikantoj kaj malamikoj ne scias, ke poemo, kies motivo estas homaj suferado kaj tragedio, ne povas esti imitaĵo, eĉ se la poeto mortiĝu en la malvarmego de soleco … .

**Fonto:**

AHMADI, Ahmad Reza. Ketabe montaĥabat (La libro de elektitaĵoj), Tehrano: Naŝre afkar, 2002, 272 p., p. 13.



## Proverboj de Morteza Mirbaghian

Akvo ruinigas domon, Zorgo ruinigas homon.
Akvo stingas fajro-flamon, Amo nuligas malamon.
Akvo vivtenas floron, amo vivtenas koron.
Akvo,aero, fajro kaj espero, estas necesaj por vivi sur l' tero.
Al junulo mankas saĝo, al oldul' mankas kuraĝo.
Al la nigro-pensa kapo, neniel helpas blanka sapo.
Ataki pro "*nobla kaŭzo*", estas vulpeca misuzo.
Ataki estas maldece, defendi estas necese.
Al la premoj de bezono, sin cedas eĉ leono.
Alfrontinte dilemon, sekvu la koran emon.



**Dediĉitaj al Ahmad Reza Ahmadi, kiu delonge kaj profunde pensas pleje pri la forir'.**

# *Sep poemetoj por Ahmadi*

De :Asad Mahbub

## Ho ŝtono!

*Ho ŝtono!*
*Vi jam vivas pli longe ol mi*
*Eble ankaŭ ol la homar'?*
*Kion vi sentas?*



## La luno

*Ho ĉarma luno!*
*Vi, kiu vidis Kajamon*
*Kaj aliajn miliardojn,*
*Rigardos kiom da aliaj?*
*Kiu vidos*
*Vian foriron?*

## Eble...

*Eble morto ne ekzistis*
*Kaj la homo*
*Por forfuĝi l' enuadon*
*Kreis ĝin.*

## La amo

*Ĉu la amo*
*De kia ajn speco,*
*Ne estas io nur por*
*forgesi*
*kaj forfuĝi*
*la morton?*
Se la morto ne ekzistus
*Kaj nun eble*
*L' eterna vivo*
*Iel ekzistas*
*Kaj estas la cel' de la*
*hom'*
*Por forfuĝi de la morto.*

## Ĉu ĉiuj homoj

*Ĉu ĉiuj homoj en la parko*
*Kaj sur stratoj*
*Pansas tion,*
*Kion mi?*
*Ĉu ankaŭ ili*
*Konsciante irantas*
*Sur la vojo de la mort'?*

## La moskito

*Ĉu moskito,*
*Kiun mi ĵuse mortigis*
*Sciis kio estas la vivo?*
*Ĉu tiel facile*
*Mi murdis iun?*
*Se jes, kial?*
*Se ne, kial?*

## De objektoj

*De objektoj kaj konstruaĵoj*
*De aleoj kaj stratoj*
*Mi ĝenatas.*
*Iliaj homoj*
*Jam foriris*
*Sed ili mem ankoraŭ restas*



## Interparolo

# *Al kiu mi telefonu?*

## Fama kritikisto Ahmad Talebi-neĵad interparolis kun sukcesa nuntempa poeto persa Ahmad Reza Ahmadi (1940-)

Elektis kaj tradukis: Ŝima Bastani

*Elektitaj partoj el la plej nova intervjuo kun Ahmad Reza Ahmadi. Temas pri interesoveka interparolo de Ahmad Talebi-neĵad (granda filmkritikisto kaj filmisto) kun Ahmadi pri tiel diversaj temoj, kiel romano, poemo, muziko, kino, prozo, ŝerco kaj ...*

**Enkonduko far A. Talebi-neĵad**

Se mi diras, ke Ahmad Reza Ahmadi estas nuntempa poeto, sendube mi kaŝas multajn profesiajn karakterizaĵojn de li. Ahmad Reza Ahmadi, kiu por iuj estas nur "Ahmad Reza", estas pluraspekta homo, kiu en plejmulto de kulturaj kaj artaj terenoj aŭ mem estas eksperto, aŭ sufiĉe estas kompetenta. La vasta spektro de liaj amikoj en ĉiuj fakoj de la arto, i.a. beletro, muziko, kino, pentrado, fotado, … kaŭzis ke li, malkiel iuj aliaj poetoj ne estu fremda kun aliaj artoj. Tia ĉio-sciado donis al li personecon pluraspektan, el kiu mi provis elmontri kelkajn aspektojn en tiu ĉi intervjuo. La aliaj aspektoj rilatas al lia persona memo, pri kio nur liaj proksimaj amikoj scias.



**La interparolo**

**A.T.:** Kio nova pri la poemo?

● Mi diru al vi interesan punkton. Jam pasas 4-5 jaroj, ekde kiam mi plu ne atendas poezi-muzon, kiu venu al mi kaj diru: "Ek al poemado!". Mateno-komence mi vestas min enorde, aŭdigas muzikon per mia malgranda sonbend-aŭdigilo kaj sidiĝas por ekpoemi. La muziko faras sian taskon kaj mi la mian. Hazarde, la rezulto laŭ mi estas pli bona ol tiam, kiam mi eksidis kaj atendis la inspirantan muzon. Alio, kion mi jam komencis - kaj mi esperas, ke mi povos fini tion - estas skribado de miaj memoraĵoj, kies unu ĉapitron jam eldonis la revuo *Film* (Filmo) en la ejda (novjara irana, t.e. marta) numero. Nun mi estas sondanta miajn memoraĵojn, kaj klasifikanta ilin en mia menso.

**A.T.:** Ankaŭ antaŭe vi eldonis parton de viaj komunaj memoraĵoj kun renomaj figuroj en la libro *Hekajate aŝnaije man ba* ... (Rakonto pri mia konatiĝo kun …, 1998)!

● En tiu libro, mia ĉefa celo ne estis registrado de la memoraĵoj. Pli, mi volis praktiki pri la persa prozo. Laŭ mi ĉiu poeto devas pasigi ekzamenon ankaŭ pri la prozo. Poeto, kiu ne povas verki bonan prozon, ne estas bona poeto. Grandeguloj de la persa poemo, posedis ankaŭ bonan prozon, kiel Sadio (1213?-1292?).

**A.T.:** Aŭ Nima (Juŝiĝ, 1895-1959) mem, kiu en *Name-haje hamsaje* (La leteroj de l' najbaro) havas tre elokventan kaj belan prozon.

● Ankaŭ mi volis mencii tion. Laŭ mi Nima en prozo estas pli poeto. Aŭ (Ahmad) Ŝamlu (1925-2000), kiu havis belan prozon.

**A.T.:** Ni parolos pri tio pli poste. Nun, mi deziras scii kio estas via ĉefa motivo por redaktado (de alies verkoj/tradukoj speciale pri la muziko)? Ĉu laŭ vi tio tiom gravas, kiom la poezio, aŭ …

● Ekzistas du kialoj. La unua estas tio, ke oni pagas por tio. Kvankam ne multe, tamen ĝi povas kovri parton de la altaj elspezoj de la vivtenado. Sed la alia kialo estas tio, ke kiam mi laboris en Kanun (la centro pri pensa edukado de infanoj kaj junuloj), mia respondeco estis pri la muziko, …

**A.T.:** Se en aliaj terenoj, kiel romano, oni proponos al vi redaktadon, ĉu vi akceptos tion?

● Ne, fakte mi neniel akceptas romanon

(kiel arton). Nek la iranan, nek la okcidentan. Mi neniel povas kredi, ke la vivo havas tiom da ordo sinsekve. Ja junaĝe mi legis romanon, sed nun neniom.

**A.T.:** Tio certe estas defianta diskuttemo. Mi pensas, ke en la mondo vi estas la sola persono, kiu opinias tiel (pri la romano)?

● Kiel ajn, mi gajas, ke min ne trafis la malsano, kio enpensigas ĉiujn por fariĝi romanisto. Laŭ mi la plej koncizaj artverkoj de la mondo estas poemo, kino kaj muziko. La plej bonaj romanoj de la literatur-historio, en kino fariĝis ridindaj verkoj.

**A.T.:** Kompreneble ankaŭ tio, laŭdire de politikistoj, estas defianta (aserto). Jam ekzistis filmoj faritaj laŭ la literaturaj verkoj, kiuj fariĝis bonaj kinverkoj.

● En nia junaĝo, kiam ekzistis nenia kultura nutraĵo, la romano povis esti respondanta (kontentiga). Ĉar ni estis generacio, kiu post la ŝtatrenverso de la 28a de mordado (19a de aŭgusto 1953, far usona CIA kontraŭ la polulara ŝtato de Mohammad Mosaddeg 1880-1967), renkontiĝis kun politika vakuo. Tial (Honoré de) Balzac (elp. Onore de Balzak, 1799-1850) eke laŭmodiĝis. Poste venis (Ernest) Hemingway (elp. Hemingŭej, 1899-1961). Laŭ mi tio estas ege falsa, ke oni esprimas siajn memoraĵojn en la formo de historio. Kial ni ne skribu la memoraĵojn mem, kio estas pli rekta.

**A.T.:** Ne ĉiuj romanoj estas memoraĵoj!

● Multaj el ili estas memoraĵoj de unu generacio. Ekz-e la romano *Les mandarins* (La elitestroj, 1954) estas la memoraĵoj de periodo, kiam (Jean-Paul) Sartre (elp. Ĵan-Pol Sartr, 1905-1980), (Albert) Camus (elp. Alber Kamo, 1913-1960) kaj Simone de Beauvoir (elp. Simon de Bŭar, 1908-1986) konsistigis rondon.

**A.T.:** Ĉu en via junaĝo ekzistis romano, kiu impresis vin?

● Kiam mi estis tre juna, mi legis *Les contrefacteurs* (La falsistoj, 1926 far André Gide, elp. Andre Ĵid 1869-1951) kaj poste verkojn de Hemingway speciale *The old man and the sea* (La maljunulo kaj la maro, 1952). Ankaŭ estis *La peau de chagrin* (La ŝagrino, 1831) de Balzac. Irana romano, neniom.

**A.T.:** Kio pri la verkoj de la nuntempaj (iranaj) verkistoj? Ekz-e *Ĉerag-ha ra man ĥamuŝ mikonam* (Mi malŝaltas la lampojn, 2001; far Zoja Pirzad, 1952-)?

● Ne. Mi foliumis, sed ne legis ĝin. Laŭ mi tiu, kiu donis aŭdacon al la aliaj por longparoli kaj skribi sensencaĵojn, estis Ali Mohammad Afgani (1925-) per *Ŝoŭhare Ahu ĥanum* (La edzo de sinjorino Ahu, 1961). Ekde tiam posten ĉiuj pensis, ke se ili skribas 700-800 paĝojn, estos pli bone. Laŭ mi la homo de la 20-a jarcento ne havas multan parolon. Ju malpli li parolas kaj skribas, des pli bonas. Iam la priskribadoj belas, sed ne respondivas (kontentigas) onin. Do kian utilon havas tio? Sed nun mi povas diri, ke la plej bona romano, kiun mi legis, estas *The Sound and the Fury* (La bruado kaj la furiozo, 1929; far William Faulkner, elp. Ŭiljm Fokne, 1897-1962). Unuafoje, kiam mi legis ĝin, mi ne komprenis ĝin, sed poste, kiam mi legis ĝin denove, mi plezuris. Ĉar ĝi forte estas impresita de la kino. Ĝi komencas de *close-up* (proksimvido) kaj atingas al *long shot* (distancvido). Laŭ mi bonaj romanoj multe impresiĝis de la kino, kiel filmoj de (Andrey) Tarkovski (1932-1986). La kino, malkiel la beletro ne havas unu aspekton. Ĝi havas 50 aspektojn. Per *La bruado kaj la furiozo* la moderna romano atingis al sia zenito. Kvazaŭ la postaj verkoj estas (nur) prinotaĵoj al tiu ĉi verko de Faulkner.

**A.T.:** Ĉu vi same opinias ankaŭ pri *Bufe kur* (La blinda strigo, 1936) de (Sedeg) Hedajat (1903-1951)?

● Mi pensas, ke ankaŭ *La blinda strigo* tie atingas al la zenito, kie ĝi proksimiĝas al la poemo. *La blinda strigo* estas longa bela poemo.

**A.T.:** Mi volis demandi ankaŭ pri la verkoj de (Huŝang) Golŝiri (1938-2000), tamen konstatinte vian sintenon, via respondo jam estas klara por mi.

● Kiam artisto decidas ekmontregi sian teknikon, katastrofo okazas. Ĉar granda parto de arta verko estas produkt(aĵ)o de nekonscienco. Kiam ajn mi volis konsciante poemi, la rezulto estis ridindaĵo. Tio fariĝas kiel tiuj malnovaj poemoj, kies rimaron oni unue skribis: lentilo, ĝentilo, testilo kaj poste plenigis la antaŭajn partojn.

**A.T.:** Tio estis propono de Ŝams (-ed-din Mohammad) Gejs Razi (13-a jc.) en *Al-*

*mo'ĝam fi maajire aŝ'ar-ol aĝam* (La vortaro de elementoj de la persaj poemoj, ĉ. 1251).

● Nu, imagu, ke oni verku gazalon tiel. Ĉu ne estas ridige? La plej belaj poemoj de (Ahmad) Ŝamlu (1925-2000) estas tiuj, kiujn li verkis kulmine de nekonsciado. Kiam ajn li sidiĝis por (konscie) poemi pri (iu speciala) temo, tio fariĝis malforta verko. Unu el perfidoj de vi kritikistoj estas tio, ke vi analizas la artiston; kiel tio, kion oni faris kontraŭ (Masud) Kimijaji (1941-). Se Kimijaji farus filmojn nekonscie, kiel okazis pri liaj unuaj filmoj, li estus multe pli progresinta.

**A.T.:** Verdire, aŭdinte viajn parolojn, mi ekmemras pri (Luis) Buñuel (1900-1983) kaj liaj kunuloj, kiuj negis ĉion kaj atingis al ia anarkiismo kaj eĉ nihilismo.

● Fakte dum la tuta vivo, mi estis anarkiisto. Mi havas multajn ekzemplojn por eldiri. Mi memoras, ke iam kulmine de amo kaj interesiĝo al knabino, mi eke forlasis ŝin kaj foriris. Eble nun mi malgajas pro tio, sed tiutage, mi tiel agis. Aŭ, al la gimnazio ekz-e mi frekventis per pantofloj. Dekfoje oni eksigis min el la lernejo. Eĉ ankoraŭ la vivo ne saĝigis min. Kvankam maljuneco, iomete konservativigis min. … Se oni volas esti tre enorda kaj laŭregula homo, pli bone ke oni fariĝu bank-oficisto. Sed se la mens-etoso de artisto ne estas iomete anarkiista, ne kreiĝos restiva verko.

**A.T.:** Sed ankaŭ anarkiismo havas siajn amarecojn. Nek vi malmulte gustumis amaraĵojn.

● Dum jaroj mi estis malamata. Forug Farroĥ-zad (1934-1966) havis interparolon kun la revuo Araŝ. D-ro (Golam Hosejn) Saedi (1935 -1985), Sirus Tahbaz (1939-1998) kaj M. Azad (pseŭdonimo de M.M. Azad Tehrani, 1933-) interparolis kun ŝi. Forug estis multe parolinta pri mi. Saedi alvenigis ĉiujn. Pli poste Tahbaz eldonis la tutan tekston de la interparolo. Ĉar en la revuo *Setareje Sinema* (Stelulo de kino, 1953-1978), ĉefredaktata per Parviz Nuri, mi estis skribinta: "Saedi ne scias teatron". Ankaŭ nun mi opinias tiel. Ĉiuj liaj verkoj estas "unufojon konsumeblaj". Dum mia junaĝo, ĉiuj beletraj revuoj estis apanaĝo de Saedi. En anarkiismo iam troviĝas aŭdacoj, kiuj en ordinara stato malpli ofte ekaperas. Ankaŭ en mia privata vivo min trafis tio. Antaŭ eklabori en Kanun (La centro pri la pensa edukado de infanoj kaj junuloj) mi ŝanĝis mian laboron 18- aŭ 19-foje. Mi translokiĝis 20-foje. Nun estas kelkaj jaroj, ke mi ĉesis kaj ne moviĝas de mia loko.

**A.T.:** Nu, ĉu tiu ĉi pasiveco nuna, ne estas postsekvaĵo de la sama junaĝa anarkiismo? Ĉar la plej multaj homoj, kiuj havis tian pensmanieron junaĝe, en sia dua vivoparto fariĝis solecemaj.

● Ne, mi ankoraŭ ne cediĝis. Fakte mia nuna anarkiismo estas kontraŭstaro al tio, kio dum la lastaj jaroj ekspediĝis kiel postmoderna poemo per iuj. Neniu kuraĝas diri, ke tiuj ĉi (poemoj) estas sensencaĵoj. Persa poemo ne estas tio. Antaŭ 2-3 jaroj, dum intervjuo mi diris, ke tio estas kiel kloakaĵo, kio miksiĝas kun la urbakvo kaj poluciigas la tutan urbon.

**A.T.:** Kun tia sintenado, kiel vi opinias pri la poemo de poetoj kiel (Mohammad) Hogugi (1937-), (Esmail) Ĥoji (1938-) kaj aliaj poetoj, kiuj pli gravigas pri la tekniko kaj ordo de la poem-bazoj?

● Tiaj poemoj estas (laŭ)universitataj poemoj. Tiaj poetoj neniam verkas poemon, kiu havas efikon, vekas furiozon kaj ĝenas ion aŭ iun.

**A.T.:** Ankaŭ (Mohammad Reza) Ŝafii Kadkani (1939-) estis profesoro en universitato. Sed lia poemo *Be koĝa ĉenin ŝetaban* … (Kien tiel haste …) estas tre bela kaj emocia.

● Vidu, se iu universitatano volas poemi kiel mi, morgaŭ, liaj studentoj prenas lin je kolumo (protestas kontraŭ li). Aldonu eĉ (Reza) Baraheni (1935-) kaj (Parviz Natel) Ĥanlari (1913-1990) al tiu rondo. Ili estas tiuj, kiuj bone analizas la poemon. Kaj poeto, kiu analizas la poemon, fakte mortigas ĝin. Laŭ mi se M. Azad ne estus irinta al universitato, li estus pli bona poeto. La fakultato forprenis de li lian tutan aŭdacon. Mia granda bonŝanco estis tio, ke mi, pro multaj kialoj, nenie instruis. Iu verko jam finiĝis kaj ŝtoniĝis, kaj nun iuj venas kaj diras, ke tiu ĉi parto de la ŝtono estas tia aŭ tia ĉi. Laŭ mi kritiko ne ekzistas. Ĝi ne povas ekzisti. Ankaŭ Hafezo estis anarkiisto siatempe.

**A.T.:** Do, vi rekomendas, ke neniu iru al la romano?

● Ne, mi ne estas iu, ke povu rekomendi ion al iu.

**A.T.:** Mi volas diri, ke tia virtuala mondo, kiu kreiĝas en romano, ne povas estiĝi en poemo, kaj la homo iam bezonas vojaĝi al virtuala mondo.

● La muziko kaj la poemo donas pli bonajn respondojn al la homo. La romano estas portempa kaj post iom da tempo eksvalidiĝas. La poemo estas pli restiva. Vi nun ne povas legi Balzac-on. Ĉar tia kondiĉaro, kian vi renkontas ekz-e en *Peré Goriot* (Patro Gorio, 1834), plu ne ekzistas. Sed la poemo neniam limiĝas al iu tempo. La poemo estas ada eksplodo, kiu fandas lokon kaj tempon. Tiu ĉi fandita rivero fluiĝas en (tuta) tempo. La romano estas por periodo. Eĉ Hemingway hodiaŭ ne respondivas. Laŭ mi kompreneble teatrverkado estas pli bona. Ĉar aliaj elementoj, kiel aktoro, lumo, kaj aliaj aferoj aldoniĝas al ĝi. Mi opinias, ke la homo malkovris du grandajn aferojn: la poemon kaj la muzikon. La muziko iam staras pli supre ankaŭ ol la poemo.

**A.T.:** Laŭ vi, kio estas la kialo por la sukceso de poetoj kiel vi?

● Unue tio, ke nia poemo ne havas rimon kaj ritmon. Multaj aferoj perdiĝas en rimo kaj ritmo. Sed poemoj, kiel tiuj de mi, estas facilaj kaj toleras nenian limon kaj limigilon.

**A.T.:** Pri la rimo mi samopinias kun vi, sed pri la ritmo ne. La ritmo estas la plej ĉefa elemento de la poemo.

● Ne, ankaŭ ritmo estas ridinda afero. Mi memoras, ke Forug ĉiam rekomendis al mi ne forgesi la ritmon. Ŝi mem en siaj lastaj verkoj forlasis la ritmon. Ankaŭ Ŝamlu formetis tion.

**A.T.:** Se ni forprenu de poemo ankaŭ la ritmon, tiam kia diferenco estos inter la poezia prozo kaj la poemo?

● Tio estas penso kaj sinteno, kio ekzistas en la poemo. Tio, ke kiel oni vidas la mondon. La prozo ne povas fari tion. Tiu ĉi glaso, kio estas antaŭ niaj okuloj, en la prozo estas (nur unu) glaso, sed la poemo povas movi tiun ĉi senmovan elementon.

**A.T.:** Sartre en la libro *Kio estas la literaturo*, similigas la prozon al la vojirado, kaj la poemon al la dancado.

● Se vi atentu, la unuaj poemoj, kiujn verkis la homo, ankoraŭ estas allogaj, ĉar ilin ne enkatenigis la ritmo kaj rimo. Ankaŭ la valoro de Hafezo estas en lia penso. Eĉ iam en Sadio (1213?-1292?), ekz-e kie li diras: *"Agar har ŝab, ŝabe gadr budi, ŝabe gadr bi-gadr budi"* (Se ĉiu nokto, estus valor-nokto, la valor-nokto estus senvalora; rimarko: gadr-nokto aŭ valor-nokto estas tre speciala nokto en Islamo) ĝia beleco ne estas pro ĝia rimo, sed pro la penso ene de ĝi. Estis multaj homoj, kiuj pli talentis ol mi, sed ili kaptiĝis per ritmo kaj rimo kaj ilia poemado ĉesis. … Mia bona ŝanco estis tio, ke de la komeco mi ekis la laboron per nuda poemo. Nuda korpo kun ĉiuj ĝiaj belecoj kaj malbelecoj. Tia ĉi poemo, samtempe estas la plej malfacila speco de la poemo. Ĉar en ĝi nenia trompa elemento ekzistas. …

**A.T.:** Mi havas amikon, laŭ kiu la bona poemo estas tio, kion oni eblas flustri por si, kiam oni solas. Ĉu via poemo ĝuas tian econ?

● Mi pensas, ke ĝi estas tia. Eble strangas por vi, sed (Nader) Naderpur (1929-2000) parkeris multajn miajn poemojn. Samo validas ankaŭ por Ŝahrnuŝ Parsipur (1925-). Aŭ, lastatempe mi ricevis invitilon por geedziĝfesto, sur kio aperis fragmento de (mia verko) *Nasr-haje joŭmijje* (Ĉiutagaj prozaĵoj). Sed, pri tio, ke ĉu iu flustras miajn poemojn en sia soleco, mi ne povas scii, ĉar mi ne estas en onies koro. Tiu, kun kies poemo ĉiuj estas tiel intimaj, estas Hafezo (1325?-1389?). Iu paroladas du horojn pri la filozofio, kaj en la fino recitas du liniojn de Hafezo, kiuj en si tenas (diraĵojn) egale al du horoj da parolado.

**A.T.:** Nu, kio estas via opinio pri la tradukado de poemo en Irano?

● Duono de nia literaturo post la konstitucia movado (1906) apogas al okcidenta poemo, kaj tion ni ŝuldas al la patro de Parvin Etesami (1906-1941).

**A.T.:** T.e. Mirza Jusof Etesam-ol-molk (aŭ Jusof Etesami 1874-1937).

● Jes. Li havis revuon nomata *Bahar* (La printempo, fondita en 1909), kiu por la unua fojo eldonis tradukojn de okcidentaj poemoj. … (Tiam) Eŭropo estis en rapida moviĝo, kaj ni estis stagnantaj en kompleta silento. La tradukado de ilia poemo, kaŭzis evoluon kaj moviĝon inter niaj poetoj.

**A.T.:** Ĉu fakte la poemo estas tradukebla?

● La poemo de Naderpur, pro ĝia lingva beleco ne trairas la tradukan filtrilon. Sed poemoj de Forug kaj (Sohrab) Sepehri (1928-

